# ilera
# bulteno n-ro 73

Redaktis: PY3DF - Novembro 2008

Internacia Ligo de Esperantistaj RAdioamatoroj


## *Rara elsendo el Insulo Vilm (IOTA EU-057)*
## *ILERA partoprenis per du membroj*



## ESTRARO

**Prezidanto:** Wolf Krüger,DL1CC
Postfach 7223
15872 Eisenhüttenstadt, GERMANIO
Telefono: +49 3364 412946
E-poŝto: dl1cc.wolf@gmail.com

**Vicprezidanto:** Hans Welling,DJ4PG
zum Ortenbrink, 42
49205 Hasbergen, GERMANIO
Telefono: +49 5405 699 33
Telefakso: +49 5405 699 31
PR: DJ4PG@DBØSM.#nds.deu.eu
E-poŝto: dj4pg@t-online.de

**Sekretario:** Lenio Marobin,PY3DF/GØOOS
60 Tudor Court
King Henry's Walk
London, N1 4NU, BRITIO
Telefono: +44 20 7249 4737
E-poŝto: py3df@marobin.net

**Kasisto:** Ian Mac Dowall,G-SWL
40 Danehurst Road
Wallasey, CH45 3JJ, BRITIO
Telefono: +44 151 6386802
E-poŝto: ILeraianGswL@aol.com
**Konto ĉe UEA:** iler-r

**Sekretario pri Interreto:** David Harris,N6UOW
42326 Gatewood Street
Fremont, CA 94538-4126, USONO
E-Poŝto: zonker@esperanto.org

**Hejmpaĝo de ILERA-bultenoj:**
http://ilerabulteno.googlepages.com/ilera-bultenoj

**Hejmapaĝo de ILERA:**
http://esperanto.org/internacia/ILERA/

**Yahoo-grupo:**
http://groups.yahoo.com/group/esperanto_amatoroj/

## REDAKTORE

Dum agrabla e-aranĝo en la nord-okcidenta parto de Anglio antaŭ kelkaj semajnoj la redaktoro havis la okazon renkontiĝi tute hazarde kun aliaj du redaktoroj de esperantaj revuoj. La temo de la konversacio ne povus esti alia: Kion aperigi sur la paĝoj de niaj revuoj?

Longa diskutado sur konata reta forumo analizas la plusojn kaj minusojn de la plej legata e-magazino en la mondo. La fadenoj disvolviĝas ĉirkaŭ subtemoj kiel "la revuo estas plie kunmetata ol redaktata; tekstonivelo bezonas pli da interveno; leviĝi sur iom pli alta nivelo; malpleneco; konservativaj sintenoj; kunlaboro pli ol kritiko; sufiĉo da materialo por plenigi revuon; revuo respegulas la situacion de la movado...".

Kvankam la aliaj du redaktoroj prizorgas la redaktadon de naciaj movadaj publikaĵoj, kies materialo facile aranĝeblas pere de individuoj kaj lokaj kluboj, tamen nia bulteno ne povas esti tiel "ĝeneraliga", ĉar ni apartenas al hobio, kiu esence estas teknika. Do, plenigi la paĝojn de la bulteno per idealismoj de finaj venkoj, verdaj flagoj, kaj mencioj ke "la nepoj nin benos" por la bono efektivigita estos trostreĉo de la redaktaj kapabloj por niaj bultenistoj. Certe la redaktoro devas strebi por konservi la redaktadon precipe sur la radioamatoraj aktivecoj de niaj membroj kaj iliaj interrilatoj al esperanto kaj la movado. Ĉu gravas aperigi artikolon pri membroj, kiuj aktivas ĉe biblioteko kaj muzeo? Aŭ partoprenas en medicina kongreso? Aŭ ludas ĉe orkestro? Aŭ verkis libron? Certe jes! Niaj membroj konsistas ne nur el voksignoj. Ili certe havas personan identecon, kaj estus bone konatiĝi kun nia membraro pli intime. Fine, la bulteno havas ankaŭ la respondecon aperigi administrajn decidojn de la asocio, estrarajn aŭ ĝeneralajn. Do, se al kelkaj malŝatas la ideo legi tiom da tedaj notoj pri aliĝoj, ŝanĝoj, funebraj notoj, ktp, restas la konsolo, ke la bulteno estas ankaŭ kvazaŭ *Oficiala Gazeto* ofte uzata de registaroj por publiki informojn ĝeneralajn pri siaj aktoj. Ne forgesu, ke muzeoj kaj bibliotekoj ankaŭ ricevas la bultenon, kaj ĝi fariĝas konsultebla materialo por esplorantoj pri diversaj temoj.

KOVRILPAĜO

# *DX-pedicio al Insulo Vilm DLØEKO/p - 28 junio 2008*

**Wolf Krüger,DL1CC**

La insulo Vilm (IOTA EU-057, DID O-08) estas strikte naturprotektata eĉ de antaŭ la mondmilito.

La nuna novaĵo estas, ke de tempo al tempo la respondeculoj de la insulo ofertas “tagon de malfermitaj pordoj”, pere de kiu oni permesas grupon da naturamikoj viziti la insulon dum du horoj gvidataj en unu rondvojaĝo tra la insulo. Tiun eblecon uzis nia loka radioklubo DLØEKO (Esperanto-Klubo Oriento) por viziti la insulon kun radiostacio. Kvankam nia membro DL6BE tie proksime posedas grandan velŝipon kaj ni sur la ŝipo tranoktis, tamen ni ĉiuj devis ŝanĝi al publika ŝipo, la sola kiu havas specialan permeson por veturi al la insulo Vilm. Sur la velŝipo de DL6BE ni ankaŭ sendis per la voksigno DLØEKO/MM.

Volkert, DL6BE, kaj XYL, Ian Mac Dowall, G-SWL, Klaus, DL4SL, Uwe, DL8UKE, kaj Wolf, DL1CC, portis permane la stacion, antenon, komputilon kaj akumulatoron al la insulo. Neatendite la pakaĵo kun la stacio rompiĝis, falis teren kaj la stacio difektiĝis. La radeto por ŝanĝi frekvencon forfalis de la aparato. Spite al ĉio ni povis hazarde uzi la enŝaltitan frekvencon 7029 kHz. Ni starigis vertikalan antenon. Bedaŭrinde la komputila programo ankaŭ ne plu funkciis, kaj eĉ la elektronika ilo por morsa kodo fuŝfunkciis kaj nur sendis streketojn, ne ebligante sendi la punktetojn. Post elektado en la menuo ni parte solvis la problemon kaj uzis la klavilon kiel ordinaran neaŭtamatan morsan sendilon. Post la unuaj raportoj ni rimarkis, ke la sono de telegrafio nur estis 8 anstataŭ 9. Sed nun la rara insulo jam estis en la etero, kaj kelkaj komencis raporti la aktivadon sur klustero. DLØEKO/p atingis ĉiujn partojn de Eŭropo per 40 vatoj ĝis la elĉerpiĝo de la baterio. La veterkondiĉoj ankaŭ ne multe kontribuis por la evento: pluvis, kaj ni devis fari ĉion sen tegmento por ŝirmi nin. Kompreneble ne nur ĉe la stacio ni restis. Ni ĝuis la rondvojon ĉirkaŭ la malgranda insulo. Eble en sekva jaro ni denove vizitos la insulon ĉi-foje kun pli granda sukceso. Por ĉiuj partoprenantoj de la vojaĝo tiu tago estis neforgesebla aventuro. 73 kaj bonan DX!

# *La insulo Vilm*

**Lenio Marobin,PY3DF**
**(TNX al DL1CC pro la materialo)**

La balta mara insulo Vilm situas en golfeto sude de la pli granda insulo nomata Rügen (54°19’N, 13°32’E), kaj ĝi estas malpli ol 1 km$^2$. Ĝi estas la rezulto de moreno (glaĉera deponaĵo) antaŭ ses mil jaroj. Ekde ĝia formiĝo la insulo multe ŝanĝiĝis, kaj sablobenkoj kaj plaĝetoj daŭre formiĝas kaj ŝlifiĝas. Nuntempe la insulo longas ĉ. 2,5 km, kaj konsistas el du klaraj partoj: unu nomata Granda Vilm, kies kapo etendiĝas al la nordorienta parto, kaj leviĝas je preskaŭ 40m; la alia, nomata Malgranda Vilm, etendiĝas sudokcidenten, kies pinto altas je 20 m super la marnivelo.




**La insulo Vilm**

**Historio**

Restaĵoj sur la insulo sugestas, ke homoj loĝis tie jam dum la epoko de la tajlita ŝtono. Poste, antikvaj slavaj popoloj konstruis templon, kiu estis uzata ĝis la mezepoko, kiam ĝi fariĝis loko de pilgrimado por kristanoj. En la komenco de la deknaŭa jarcento oni kreis leĝon malpermesantan la hakadon de arboj sur la insulo, kaj samtempe la insulo fariĝis loĝejo de aristokratoj. En la jaro 1936 la tuta faŭno kaj flaŭro de la insulo estis sub protekto de la leĝo por prezervi la boskojn de kverkoj kaj fagoj. Post la dua mondmilito Vilm fariĝis loko multe vizitata de germanaj turistoj, kaj la pruvo estas, ke dum 1957 la publikan lokan



**Aera vidaĵo de la insulo Vilm**

restoracion vizitis ĉ. 700 personoj tage. In 1959, la konsilio de la ministroj de la Germana Demokratia Respubliko (GDR) fermis la insulon al vizitado de la ĝenerala publiko kaj samtempe ordonis la konstruadon de 11 gastdomoj, administraj kaj farmdomoj. Ekde tiam ĝis la malformiĝo de GDR la insulo estis por la ekskluziva kaj privilegia uzado fare de altrangaj oficistoj de la registaro. Du tagojn antaŭ ol la finiĝo de GDR kiel sendependa ŝtato, la registaro deklaris la 1-an de oktobro 1990 la tutan areon de Vilm biosfera rezervejo.

Nuntempe, la insulo kaj ĉirkaŭaĵoj estas sub la respondeco de la *Bundesamt für Naturschutz* (Federacia Agentejo por la Konservado de la Naturo). Estas strikte malpermesite viziti kelkajn partojn de la insulo. La sciencistoj laborantaj sur la insulo de Vilm tute ne loĝas sur la insulo, sed devas vojaĝi tien ĉien ĉiutage.

# *Malgrandaj antenoj – grandaj kontaktoj*

**Lenio Marobin,PY3DF**

Antaŭ dudek jaroj mi loĝis en domo kun granda tereno. Aparte de dipolaj antenoj por la bendoj de 160 ĝis 40 metroj mi ankaŭ havis turon kun jagi-anteno por la bendoj 10-15-20 metroj. Bona stacio kaj bonaj kondiĉoj neniam detenis min kontakti tiun deziratan DX-stacion.

Cirkonstancoj ŝanĝiĝis, kaj mi devis transloĝiĝi al apartamento en la centro de granda urbo. Kelkajn semajnojn post ekloĝiĝi en la nova hejmo mi malpakis mian radiostacion. Nur tiam mi memoris, ke mi bezonus antenon por funkciigi ĝin. La regularo de mia konstruaĵo ne permesas la starigon de antenoj sur balkono aŭ tegmento (oni nur permesas kolektivan antenon por ricevado de TV-signaloj). Kiel solvi la problemon pri la antenoj?

Interreto estis en sia infaneco antaŭ dudek jaroj. Do, ne facile oni povis esplori. Foliumante kelkajn malnovajn radio-magazinojn mi trovis artikolon pri magnetaj antenoj. La artikolo diris, ke "... la Sankta Kaliko de antena teknologio estas krei malgrandan antenon kun granda send-riceva efiko kaj larĝa frekvenczono". Laŭ tiu teorio oni devas almenaŭ forstreki unu el la tri kondiĉoj por atingi la du aliajn: grandeco, efiko aŭ larĝa frekvenczono. Mi trovis – pli bone – aĉetis du solvojn por mia problemo. Unu ne tro kosta, alia tre multekosta por la averaĝa radioamatoro, bedaŭrinde.

La ne tro multekosta (ĉ. €100,00) estas MFJ-1621[1] portebla anteno. Temas pri skatolo granda je malpli ol duono de ordinara skatolo por ŝuoj. De la supro de la skatolo oni devas etendi teleskopan antenon altan je unu metro. La tuto pezas malpli ol 500g. Ĝi certe plenumas la aserton pri portebleco. Ĝi funkcias por la frekvencoj de 7, 10, 14, 21, 24 kaj 30 mHz, kvankam mi nur uzas ĝin por 7 mHz lastatempe (por la

aliaj frekvencoj mi uzas alian antenon). Ĝi akceptas 100W. La agordo estas facila, kutime per la uzo de nur unu butono. Mi jam lokigis ĝin en pluraj anguloj de la domo kaj konstatis, ke SWR estas sufiĉe bona (sur 7 mHz ĝi estas 1:1). En CW sur 7 mHz mi jam kontaktis plurfoje la okcidentan parton de Usono kaj ordinare mi atingas radiuson de 3 mil kilometroj, kiam kondiĉoj estas favoraj. Ĉio ene de apartamento!



**MFJ-1621 portebla anteno**

La kosta versio de *isoloop*-anteno estas MFJ-1786. Tiun specifan mi ne havas. La mia nomiĝas simple *Isoloop Lynwood WA*. Mi kredas, ke ĝi ne plu ekzistas en la merkato, sed ĝi vendiĝis en 1995 kontraŭ €600,00). MFJ kostas ne tiom malpli: ĉ. €400,00. Tamen ĝi havas avantaĝojn super la alia malgranda skatoleto. La sola malavantaĝo estas la grandeco kaj pezo. La mia pezas ĉ. 10kg kaj bezonas bonan bazon por memstariĝo.

Kun cirkonferenco de 280 cm, ĝi sendas sur frekvencoj inter 10 mHz ĝis 30 mHz, inkluzive de la WARC-bendoj. Ĝi akceptas povumon de ĝis 150W. Por agordi ĝin sur la dezirata frekvenco estas kablo kaj sktatoleto kun kontroliloj. Oni bezonas kontroli aparte por SWR, sed ĝi facile kaj rapide agordas sur la frekvenco dezirata. Alia avantaĝo estas, ke ĝi povas esti muntata vertikale aŭ horizontale (polarizoj vertikala kaj horizontala). La disradiado de tiuspecaj antenoj estas esence ĉiudirekta, kun tre malgrandaj variadoj. Ĝi certe ne estas tiel bona, kiel dipola anteno, tamen mi faris longdistancajn kontaktojn en ĉiuj bendoj per relativa facileco, sed mi opinias, ke la ricevado de malfortaj signaloj ne ĉiam eblas. La portebleco de la anteno ankaŭ ne estas facile atingebla. Transporti la antenon al feriejo certe postulos iom da klopodo. Grandeco kaj pezo estas malamikoj de valizo. Do, ĝi estas rekomendata por pli-malpli resti sur fiksa pozicio.

Tre bedaŭrinde mia anteno ne agordas sur 7 mHz, sed versioj de modernaj antenoj jam inkluzivas ĝin. Pere de ĝi mi plej ofte sendas sur 14 mHz kaj 30 mHz, sur kiu agordado estas tre facila.

Mi esperas, ke ĉi tiu artikolo helpos al homoj, kiuj frontis la saman dilemon kiel mi. Kvankam mi ne posedas la idealan situacion por aktivigi mian radiostacion, tamen ĉi tiu du antenoj reportis al mi la ĝojon komunikiĝi pere de la etero. Mi certe ne atingos per ili la pinton de DXCC. Krome mi ne plu povas uzi la senkulpigon, ke mi antenon ne havas, sekve ne povas partopreni la ILERA-konkurson...



***Isoloop*-anteno en la apartamento de la redaktoro**

[1] MFJ: www.mfjenterprises.com

STATUTE

# La statuto de ILERA[1]

**Lenio Marobin,PY3DF**

ILERA estas unuiĝo de radioamatoroj, kiuj uzas esperanton por siaj celoj.

**(1) LA CELOJ DE ILERA ESTAS:**

(a) Varbi membrojn inter radioamatoroj kaj esperantistoj
(b) Kunordigi esperantistajn radioamatorojn por pli interesa kaj efektiva agado
(c) Alporti humanan helpon al socio uzante potencialajn agadeblecojn de esperantistaj radioamatoroj
(ĉ) Kunlabori kun ĉiuj homoj kaj organizaĵoj, kiuj agadas kontraŭ lingva diskriminacio

**(2) KONFORME AL SIAJ CELOJ ILERA:**

(a) Eldonas bultenon kaj diplomon
(b) Organizas konkurson
(c) Aŭspicias diversskalajn renkontiĝojn
(ĉ) Kunordigas eterajn rondojn, renkontiĝojn, komunajn laborfrekvencojn

**(3) MEMBRECO**

Membro de ILERA estas ĉiu radioamatoro, kiu agnoskas la statuton kaj aktive subtenas la agadon de ILERA. Ĉiu membro havas personan registritan membrokarton.

**(4) LA STRUKTURO DE ILERA**

La **prezidanto**, **vicprezidanto(j)**, **sekretario(j)**, **kasisto(j)**, kaj **landaj (teritoriaj) reprezentantoj** formas la estraron de ILERA. La landa reprezentanto estas tute suverena en sia lando, kaj kunordigas la tutan agadon. Agaddaŭro de la estraro estas kvin (5) jaroj.

**(5) KOTIZOJ**

Sian efektivan membrecon kaj aktivecon membro de ILERA manifestas per akurata pagado de la membrokotizo. Ĝi estas pagata al la landa reprezentanto aŭ rekte al ILERA-konto difinita de la estraro. Ĉefaj elspezoj de la kolektita sumo estos: eldono de la bulteno kaj ĝia ekspedo, pago de kotizoj kaj servoj dum universalaj kongresoj kaj renkontiĝoj. Financa raporto estas publikigata po unufoje ĉiun jaron en la bulteno.

**(6) ŜANĜO DE LA STATUTO**

Ŝanĝojn en la statuto difinas la estrato. Proponoj pri ties ŝanĝoj estas bonvenaj al la estraro kaj estas diskutataj en cirkuleraj leteroj.

[1] *Ĉi tiu resuma formo de la statuto aperis iam alie kaj estas ĝenerale akceptata (NDR).*

KONKURSE

# ILERA-konkurso 2008

ILERA-konkurso ĉiam okazas la trian semajnfinon de novembro. Ĉi-jare ĝi okazos inter la 15-a kaj 16-a de novembro (Sabate 00:00UTC ĝis dimanĉe 24:00UTC).

**Bazaj reguloj**

(1) Stacioj kontaktindaj: Ĉiuj, sed raportoj estu prefere en Esperanto!
(2) Bendoj: Ĉiuj, kie ordinara konkurso estas permesata (NE sur 10, 18, 24 Mhz).
(3) Rekomenditaj frekvencoj: niaj ILERA-frekvencoj: (+- 30 kHz)
3.766 / 7.066 / 14.266 / 21.266 / 28.766 kHz.
(4) Modoj: Ĉiuj (NE validas ECHOLINK).
(5) Raportoj: RS + sinsekva numero, ekz. 59001, 59002, 59003, ktp.
(6) Poentoj: Po unu poento por ĉiu stacio kontaktita sur ĉiu malsama bendo. Ne estas mul-

tobligiloj.

(7) Paŭzoj: Sumo de ĉiuj paŭzoj faritaj dum la konkurso: minimume 20 plenaj horoj.

Sendu kopion de via taglibro maksimume post du semajnoj ekde la fino de la konkurso al: Hans Welling, DJ4PG, ILERA-Konkurso 2008, zum Ortenbrink 42, 49205 Hasbergen, Germanio, e-poŝto dj4pg@t-online.de

PREMIE

# *Sukceso en du konkursoj*




**Martin Zurn, IK2MRZ, kun sia diplomo**

ILERA-ano Martin Zurn (IL-566) gajnis la konkurson MKW – *Mixed Key Week* – de FISTS (Internacia Societo por Konservado de la Morsa Kodo) 2008, kaj atingis la duan lokon en la konkurso EUCW QRS 2008 de la Europa CW-Asocio.

FISTS fondiĝis en 1987 kaj dediĉiĝas ekskluzive al morsa kodo, kaj eldona regulan bultenon *Key Note*. EUCW estas organizo entenanta eŭropajn cw-klubojn, kaj Martin estas ties manaĝero pri komunikado. La paĝo de EUCW havas informon ankaŭ en esperanto.

——

FIST: http://www.fists.co.uk/

EUCW: http://www.agcw.org/eucw/english.html

TELEGRAFIE

# *La simbolo @ en telegrafio*

**Lenio Marobin,PY3DF**

Sur interreto la simbolo @ estas uzata en elektronikaj adresoj por indiki la lokon de poŝtkestoj de retaj uzantoj. En la angla, la simbolo @ estas legata kiel *at* (prepozicio indikanta lokon). En esperanto ĝi plej ofte prononciĝas *heliko*. La simbolon elektis usona inĝeniero Ray Tomlison. En la jaro 1972 li aldonis ĝin al transferprotokolo de elektronika arkivo de softvaro por sendi e-tekston (tiam nomatan *send message*), kiu fariĝis la unua programo por sendi retmesaĝojn.

Sed la uzo de la simbolo @ antaŭas interreton de multaj jaroj. Laŭ la itala historiisto Giorgio Stabile, profesoro de la universitato La Sapienza el Romo la simbolo ekzistas jam de 500 jaroj. Laŭ li, jam en la jaro 1536 florenca komercisto uzis ĝin por reprezenti la mezurunuon *amphora*. Tri jarcentojn poste, en 1885, la fabrikanto de skribomaŝinoj *Underwood* aldonis la simbolon @ al la klavaro. Tiam ĝi nomiĝis “a-komerca”.

En Ĝenevo, la 5-an decembro 2003, dum la monda radiokomunikada konferenco, studgrupo interkonsentis pri la redaktado de nova rekomendo rilate al morsa kodo (*Draft New Recommendation ITU-R M[Morse]*), kiu determinis la uzadon de konsentitaj internaciaj morsaj kodaj simboloj kaj sendproceduroj. Interalie, oni proponis morsan simbolon por la sendado de @, precipe uzataj por retadresoj. La grupo analizinta la problemon venis en konsenton kaj proponis reprezenti @ en morsa kodo per la aldono de la literoj A kaj C kune (AC), kiu rezultos [ **.--.-.** ] Mi devas konfesi, ke mi neniam uzis ĝin en tiu maniero. Kiam mi rare uzis ĝin mi signis per CHE [**-.-. .... .**] kiu reprezentas la zamenhofan alternativon por “ĉe”.

RECENZE

# Por via biblioteko...

**Libro:** ***Esperanto für den Amateurfunk***
**Esperanto por la amatora radio**
**2-a eld, Hasbergen 2000, 107 pĝ.**

**Aŭtoro: Hans Welling, DJ4PG**

**Lenio Marobin,PY3DF - recenzas**

Ne tre ofte oni vidas librojn pri radioamatorismo ĉe librovendejoj. Des pli malofte oni vidas libron pri radioamatorismo en ... esperanto! Se vi opinias tiun okazon rara, jen oportuno por *sen*rarigi vian serĉon.

ILERA-ano Hans Welling, DJ4PG, (vidu kolofonon por informoj) verkis tre interesan libron pri radioamatorismo kaj esperanto. La aŭtoro diras "*..., ke la libro provas liveri tiun esperanton, kiun la radioamatoro bezonas*". La aserto estas certe iom modesta. La libro liveras multe pli ol tion.

La ĝenerala koncepto de la libro estas ne ordinara: ĝi estas redaktata en du lingvoj (esperanto kaj la germana), kaj la maldesktraj paĝoj enhavas la tekston en esperanto, kaj la dekstraj la respondajn instruojn en la germana. La propedeŭtika valoro de la libro estas granda. Ĝi ebligas tradukon de la enhavo en iun ajn alian lingvon surbaze de la esperanta aŭ germana tekstoj. La unua parto de la libro dividiĝas en 18 lecionojn. Tre saĝe elektitaj, la ekzemploj instruas la lingvon per la uzo de radioamatora lingvaĵo. Spertaj esperantistoj certe ne volas relerni la bazojn de nia lingvo, tamen la ekzemploj kreas instigon al plulegado: novaj teknikaj vortoj kaj fakesprimoj pruvas, ke la lingvo ja taŭgas por praktikaj celoj, kaj ne nur por la diletantoj de beletristiko. La dua parto devus esti legata de ĉiu operatoro. La aŭtoro pro sia longa sperto kiel radioamatoro kaj diplomita inĝeniero, kombinas teknikan scion kun etiketo por operatoroj ĉe radiostacio. Al la legantoj certe plaĉos la maniero kiel la aŭtoro *mal*teknikigas teknikaĵojn (ne estas facile paroli pri interreto, paket-radio, diĝitaj modoj sen uzo de faka, peza terminologio ofte trovata en similaj publikaĵoj), kaj prezentas manieron por pli bone trovi kaj fari e-kontaktojn en la etero. Dum konkursa monato, ĉiam estus prudente relegi la konsilojn por plialtigi siajn ŝancojn. En la tria parto de la libro, laŭ la divido de la recenzisto, troviĝas tre interesa vortareto en tri lingvoj (angla-germana-esperanta), kiu povas fariĝi bazo por estonta teknika vortar(et)o. Nia *sepen* jam eniris PIV, tamen – laŭ mi tre bedaŭrinde – nia *diĝita* ankoraŭ portas la konsilon pri evitendeco. Fine, se la aŭtoro iam planas novan eldonon de la libro mi sugestas, ke oni rekompostu la tekston tial ke ĝi atingu pli bonan kaj klaran grafikan aspekton.




FINE

# Gratulojn!




Al Wolf Krüger, DL1CC, kiu dum sia restado en Britio per sia voksigno G4MR tralaboris la esperantan diplomon "Bjalistoko 2009", kaj ricevis la numeron "002"! Sukceson ankaŭ per la aliaj voksignoj!

♋